# S☆E☆L

Fondinto: "Aveto"
Kunfondinto: L.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Aveto", Norman Booth.
Kolonelo D. H. Davis.
L. J. VanGulck.

Prezidanto: Douglas Murphy,
39 St. George's Road,
Felixstowe, Suffolk, Britujo.

Sekretario: J. K. Hamner,
Texasstraat 7, Zaandam,
Nederlando.

Kasisto: David H. Witbey,
21 Brookfield Avenue,
Waterloo, Liverpool 22,
Britujo.

Redaktoro: Hans Amund Rosbach
Nergt 37 c, N-6500 Kristiansund N, Norvegujo.


# KARAJ!

Dum longa tempo – jes, fakte ek de mia unua numero – mi pripensis eblecojn al plibonigo kaj plibeligo de nia gazeto. En la komenco la eblecoj ne estis multaj. La pli fruaj redaktoroj faris altvaloran laboron kaj kreis atentindan revuon, kaj la multobliga metodo ne permesis kiajn ajn bildojn.

La fotopresa metodo ebligas la vastan uzon de bildoj sen kresko de la kostoj, kaj nun mi ne plu povis kontraŭstari la tenton, beligi la gazeton per kovrila foto. Se vi ne ŝatas tion, bonvolu skribi al mi, kaj se vi ŝatas la belan kombinon por la kovrilo, montru nian gazeton al alia skolto por reklami nian ideon – kaj sendu al mi taŭgajn bildojn, prefere en duobla formato (A-4) por novaj kovriloj. Sed ne forgesu peti permeson al reprodukto de la bildo. Bildoj el skoltaj kaj skoltinaj revuoj estas tre taŭgaj.

Samtempe mi denove atentigas, ke la enhavo de la gazeto tute dependas de miaj kunlaborantoj dise en la mondo. Des pli vi sendas, des pli bona gazeto!

Via Hans Amund.

# Mondskala agado ĉe la skoltoj

Ĉiuj niaj membroj aŭdis pri "Adopta plano". Ĉiu membro devas eluzi la eblecojn kiujn kreas tiu plano.

Dum la Monda Skolta Konferenco en Helsinki nia reprezentanto – kun plena konsento de la Monda Skolta Oficejo – disdonos nian novan skoltan lernolibron al la ĉeestantaj tutmondaj altrangaj skoltgvidantoj. La Finna Skolta Asocio eĉ diras: "Al ĉiuj samopinie, ke nenio malhelpas la disdonon de SEL de la nova libro al la Delegatoj. Tute kontraŭe. .....Ni estas konvinkita, ke via libro estos bona kontribuo al la tutmonda aktiveco de skoltismo. .."

Sed la libro estos kontribuo al la skoltismo nur se la junaj skoltoj kaj skoltinoj atentiĝos pri ĝi. Tial ni, membroj de SEL havas la nepran devon kunlabori al la sukceso.

Ĉiu adoptu minimume unu trupon, donacu la libron al tiu trupo, atentigu pri la eblecoj, kiujn donas la scio de nia lingvo, donu la aktivan subtenon al la lerno ktp, tiel ke la sukceso estu plena.

La libro "Jamborea Lingvo", kontrolita de la Komisiono por Lernolibroj de UEA, kostas nur 2,50 ned.gld. (= 10 ŝiloj) kaj ĉe kvantomendoj rabatoj.

# BONVENON

MONSINJORO P. Truchemotte, vicepiskopo de Gelikana Katolika Eklezio en Akvitenio prenis sur sin la taskon kiel NR en Francujo.
Honora Prezidanto J. Van Gulck ree estos (portempe agante) NR en Belgujo.
C. Stanley Otto reprenis la taskon en Usono, kvankam li nur estos Helpa NR.
Bonvenon!
Kaj samtempe nian dankon al Ken Collins, kiu nun eksiĝas!

Kovrila foto el "K.F.U.K. Speidernes Julehefte 1968" kun afabla permeso de ties redaktoro, kaj ĝi montras norvegan skoltinon el trupo apartenanta al la "Kristana asocio de Junaj Virinoj".

# SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO









El la hispana Boletin ni tondas:

Zaragoza.
La Esperanta Societo Frateco festis la semajnon de Internacia Amikeco kune kun Asociacion de Antiguos Exploradores y Guias de Espana, - t.e. skoltoj kaj skoltinoj.

Dimanĉon matene forta vento blovis dum la geskoltoj kampadis en Valdegurriana, monteto en la proksimo de Zaragoza.
Post hisado de la flagoj s-ro Pedro Marqueta, nia N.R., parolis. Unue li akcentis koincidon de noblaj celoj de skoltismo kaj esperantismo kiuj kompletigas unu la alian. La skoltismo bezonas Esperanton por la interfratigo per la ĵamboreoj kaj korespondado. Li rakontis pri propraj spertoj el Gödöllö en 1933. Same la esperantismo bezonas la skoltismon, ĉar oni neniam povas trovi pli taŭgan grundon ol en tiu junulara movado, plena je noblaj idealoj por paco kaj homa interfratiĝo.

Tuj post la parolado la geskoltoj montris per ludoj kaj kuiro siajn sciojn.

Kelkajn tagojn poste s-ro Marqueta prezentis interesajn diapozitivojn en la sidejo de la "Asociacion de Antiguos Exploradores".

Kaj kiel fermo de la semajno okazis publika aranĝo kie prezidis la prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio kaj la prezidanto de la skolta movado kune kun la ĉefgvidanto de la trupoj de geskoltoj kaj nia N.R.

Gratulon kaj dankon al nia hispana amiko!

selselselselselselselselselselselselselselsel

## KAJ EL POLLANDO

Dum 24a de Februaro ĝis 3a de marto okazis en Perkoz en Pollando kurso de Gvidantoj de skolt trupoj sub nomo "Amikeco" kun partopreno de 60 personoj. La esperantistoj estis plej aktivaj. La temoj - laŭ ricevita raporto - estis parte politikaj, sciencaj, turismaj kaj pure skoltismaj. La pola skoltasocio nun havas ĉ. 2 000 000 membrojn, kaj oni esperas je bona efiko inter la granda membraro.

De 16a ĝis 29a de septembro okazos en Pollando la V-a Internacia Esperantista Ferio, en la pitoreska ripozloko Miedzygorze. Pliaj informoj ĉe Pola Esperanto-Asocio, Okcidenta Regiono, WroclaW-17, Poŝtkesto 16, str. Dubois 3, Pollando. Prezo: 32 US-dolaroj aŭ egalvaloro en kiu ajn valuto

Pri aliaj feriaj eblecoj legu alliloke en nia gazeto. Por ni, kiuj estas kaj esperantistoj kaj skoltoj la eblecoj ja abundas. La Skolta Mondo estas malferma al ni.

# ONI SENDIS:

El Hanojo ni ricevis "Nacia Fronto de liberigo de Sud-Vjetnamio. Dokumentoj."

Temas pri 150-paĝa broŝurita libreto kun pura politika enhavo.

El Praho venis "Agad-programo de komunista partio de Ĉeĥoslovakio".

Estas la programo kiu kaŭzis la intervencion de la aliaj orientaj landoj, nun sendita al eksterlandoj, tiel ke ĉiu povu juĝi mem pri la reformacia kurso de la tiama registaro.




# ONI PETAS:

Se vi havas malnovajn numerojn de SKOLTA MONDO, bonvolu skribi al sro. Ramon Molera, Sta. Joaquina, 13 - Moya (Barcelona) Hispanujo.

La 5th Peterlee Brownie Guide Pack (junaj skoltinoj) deziras korespondi kun junaj skoltinoj el aliaj landoj. La knabinoj havas 7 - 11 jarojn. Skribu al S-ino Rae Baillie-Smith, 198, Hatfield Place, Peterlee, Co Durham, Anglujo.

La renaskita Esperanta Fako de Junak - t.e. la ĉeĥoslovaka skoltomovado,- petas por sia arĥivo, por kompletigi kolekton de La Skolta Mondo, numerojn malnovajn: 32,33, 34, 35, 36, 37, 40, 41, 42, 43, 44 kaj 45. Kiu havas ilin bonvolu sendi al St. Leŝinger, m.Cibulkove 34, Praha 4 Pankrac, ĈSSR.

Mi petas vian helpon. Mi estas 16-jara junulino kaj deziras korespondi kun gejunuloj, kiuj povas kompreni la anglan lingvon, ĉar mi lernas ĝin. Mia hobio estas kanti kaj akompani mian kanton per gitaro, krome kolektado de koloraj poŝtkartoj kun belaj poŝtmarkoj. Eszter Melegh, Budapest XIV (Zuglo) Ilosvai Selymes Peter u. 155, Hungarlando.

S-ino Sten kaj la *revolveristo* pasis la junan Dalgren, kaj li sekvis al la kvara. "Ĉu vi informis la policon?" li preterpase demandis. Kaj li pli facile spiris je la nea respondo, kaj kun ĝojo antaŭvidis kio venos. Kion la fripono Odd diros, kiam li aŭdos pri ĉi tio?

La mano de s-ino Sten tremblis dum ŝi malŝlosis. Hansen restis en la malantaŭo. Ili streĉe aŭskultis, sed nek paŝoj jek kriojestis aŭdeblaj. Eble la studento tamen...

La majstrino de la domo singarde eniris. Aŭdiĝis voko el la ĉambro de Odd. "*Estas iu tie.* Gardu la pordon dum mi telefonas al la polico," ŝi ululis. Hansen ĝemis. Li estis purpura kaj glutis febre. Lia revolvero celis al ĉio en la entreo. "Ĉu ĝi estas ŝaĝita?" Dalgren, kiu ĵus envenis, maltrankvile demandis.

"Hââ! Ne, mi nur - nur - ti-ti-migos ilin". La heroo kurbiĝis por aspekti timiga, sed ĉefe por havi eblecon tuj malaperi. "Kiu kuraĝas elveni, estos senkompate pafata" li vokis per tremblanta voĉo.

Leif preskaŭ krevis pro rido. Sed tiam li aŭdis la sonon de la telefono, kiun s-ino Sten ekuzis. Per saltegoj li estis apud ŝi kaj forŝiris la aŭskultilon. "Ĉu vi ne aŭdas, ke estas knabo? Kaj la ŝlosilo estas en la ekstero de la pordo."

*Jumbo frapis la pordon* dum la tuta epizodo, sed la voko de Hansen interrompis lin. Sed nun li vokis: "Estas Erik Ask."

Oni plej singarde malfermis la pordon. Dum li elrapidis, dika Hansen rulis en la manĝoĉambron. "*Mi nur demandas*" fajfis la sinjorino, "kion tio signifas!"

"Demandu al Odd," la knabo respondis dum li kuris el la ĉambroj. Jam estis dekkvar minutoj antaŭ la sesa. Eble jam tro malfrue.

"Vere surpriziga," lakone diris stud. phil. Leif Dalgren. "Vi vere devas pardoni, ke mi timigis vin."

"Nu. Vi ja ne pli bone sciis. Ses mi komprenas nenion. Sed vi, Hansen scias, ke mi eĉ ne dum momento kredis je tiu rabistohistorio."

En la lernejo vekiĝis intereso je la sportoj. Knaboj, kiuj neniam pensis pri alia sporto ol la piedpilko, nun fervoris je kuroj, saltoj, kaj ĵetoj. Tiu intereso havis sian fonton en Arne Monsen. Li sciis kapti intereson, kaj liaj vortoj estis preskaŭ leĝo. Li ĉiel lertis, li estis afabla kaj bonhumora, kaj idealo al la kamaradoj. Kaj kiam li interkonsentis pri alia lernejo pri konkurso, ĉiu celis esti inter la sportistoj.

Ne ofte mezlernejo povas elekti inter multaj, sed tio nun okazis. En kelkaj branĉoj mankis provantoj, sed en aliaj ili abundis. Plej dezirata estis la 400-metra kuro.

La unuajn branĉojn ili finprovis tuj post lernejaj horoj. En kuglaĵeto Håkon venkis, kaj en la unua provo de 400 metroj Harald. Oni ankaŭ elektis la partoprenantojn en saltoj.

Oni konkursos en ok branĉoj. Je kvina kaj duono la knaboj revenis. Ili estis eksterordinare ĝustatempaj, nur Jumbo mankis. Kaj ili intencis komenci per 100-metra kuro.

Håkon kaj Harald atendis lin jam horon antaŭe je interkonsentita loko Kaj kiam li ne venis, ili iris al lia hejmo, kie ili je sia miro aŭdis, ke Odd jam estis tie. Nun ili demandis, kie Odd lasis lin. Odd aspektis tre pala kaj mizera. La pensoj je la estonto kuŝis sur li. Kion oni diros pri tiu historio? Sed kial oni fidu pli al Jumbo ol al li? Li decidis nei ĉion, kaj Jumbo apenaŭ povos pruvi ion. Sed...

"Mi nur estis kune kun li dum momento. Tiam li iris por butikumi, kaj poste mi ne vidis lin."

"Strange" miris Harald. "Li ja fervoris, sed nun ni eble devas aranĝi la centmetron sen li. Kaj mi ja kredis, ke li fine fariĝis knabo!"

Arne Monsen alvenis en tiu momento. "Ĉu ni komencu per la finalo de kvarcent metroj, kaj esperi, ke Jumbo alvenos?"

Odd fervore protestis, kaj multaj kun li. Oni ne faru ŝanĝojn en la programo pro panjoknaboj. Li tamen ne havas iun esperon.

"Vi certe eraras," diris Arne. "Krome kostas neniom ŝanĝi la sinsekvon de la ekzercoj."

vidi rezultojn, li firme decidis fari bonan ekzamenon. Krome li ricevis la plej bonan donacon, kiun li povus ricevi: Lia patrino tagon post tago plisaniĝis, kaj verŝajne ŝia malsano ankaŭ malformis la okulojn de patro kaj reformis lin.

Kaj Jumbo? Li ja montris, ke li ne plu estas iu jumbo, sed ke li povas *konkuri* kun la amikoj, eĉ reprezenti sian lernejon en konkurso. Lia dorso plirektiĝis, kaj li ne plu ŝajnis tiel timema.

Nun, en la antaŭtagmezo, preskaŭ neniu estis en Bislet, kaj tiel la du lernejoj havis la tuton. Kompreneble ĉio iĝis io alia ol ordinaraj konkursoj, ĉar la rigardantoj ne restis sur la tribunoj, sed invadis la internon de la kurejo kaj vokis al siaj favoritoj, ĝis tiuj vere kapturniĝis. Oni neniam havas similan impreson eĉ dum interlandaj konkursoj. Ĉiu provis pli laŭte voki ol ĉiu alia, kaj kun mallongaj interrompoj eĉ okazis interbataletoj. Mallonge dirite: ĉiu grandiose bonfartis, kaj la fervoro ĉiam estis plejgranda.

Kompreneble iuj grumblis. Kia ideo havi centmetron en la fino de la konkursoj? Al tio la pli longa vetkuro decus. La grumblantoj akcelis, ke oni devis komenci per dekkvincent-metra, ĉar partoprenanto devis forveturi tuj. Sed tio ne haltigis ilin. Kial ne estis stafeta kuro? Kaj kial Håkon partoprenos nur en unu branĉo, kvankam li povus havigi poentojn en pluraj. Kaj fine, sed ne malpleje: kia idiotio konkuri Jumbon?

La kamaradoj de Jumbo baldaŭ *spertis*, ke ili *ne sufiĉe* estimis siajn kontraŭulojn. La knaboj de la alia lernejo estis sportaj. Ilia duo en dekkvincent-metra kuro tuj prenis la gvidon, kaj tenis ĝin. Tiel ili gajnis, kaj ilia lernejo havis 8 poentojn kontraŭ 3. Kaj tiu vetkuro altiris tiom da intereso, ke oni preskaŭ forgesis la samtempan ĵetadon de kuglo.

Håkon ĵetis bone, ĉiuj liaj ĵetoj kun unu escepto estis pli longaj ol tiuj de la konkurantoj ĝis la finaj provoj. Li ĵetis eĉ pli longe kaj la kamaradoj ĝojkriis. Tiam venis la surprizo. Grandulo el la alia lernejo envenis en la ringon. Ĝis nun neniu el liaj ĵetoj sukcesis, sed nun – la kuglo flugis longe, longe – neagrable longe. Lia ĵeto estis kelkajn centimetrojn pli longa ol tiu de Håkon.

Kia malagrablaĵo. La konkurantoj prenis la unuan kaj kvaran lokojn, kaj tiel ricevis 6 poentojn kontraŭ 5 de la aliaj. Kune 14–8.

Håkon malpli tristis pro la malvenko. Certe li ne ŝatis esti venkita dum li decidis nur partopreni en tiu branĉo, sed bah...

"Mi certe venkus, se mi havus la lastan ĵeton. Nun mi estis trememfida. La unuaj ĵetoj ja estis tiel bonaj. Sed kiom longe Adamo estis ĉe la viandopotoj de Egiptujo?" li ŝerceme ridetis.

"Vi devas plibonigi ĉion," li diris al Harald.

Kaj la kvarcentmetra kuro fariĝis porvostreĉa. Jam antaŭe ĉiu sentis ke venos io eksterordinara. La kvar partoprenantoj aspektis decidemaj dum ili estis en la startotruoj. Iliaj korpoj estis preskaŭ samaj, kaj tial iu diris: "Kial ili similas unu la alian."

"Jes, kvazaŭ du gutoj – ne, pliaj – jes, kvazaŭ glaso da akvo."

La konkurantoj tuj ekkuris rapidege, kaj dum la unuaj cent metroj ili kuris kune, sed tiam du devis malplirapidiĝi. Harald kaj unu el la alia lernejo daŭris per sama rapido, kaj estis por krioj instigataj. Neniu volis lasi la alian, jen unu, jen la alia gvidis, sed ambaŭ nur havis unu solan penson: Venki.

Harald komencis kuregon. Li iom estis antaŭ la alia, sed rigardis por vidi kiom, kaj tuj la alia pasis lin. La fino estis vera provo al la nervoj. Harald penis, venis iom – ne – jes – ne...

Li venkis!

*La kamaradoj preskaŭ detruis la elĉerpitan knabon je pura ĝojo.* La lernejo nun havis la unuan kaj trian lokon, sed ankoraŭ la poentoj estis 18 – 15 en la favoro de la aliaj.

Kaj denove en la aliaj branĉoj la gvido ŝanĝiĝis. Kelkfoje niaj amikoj superis, sed tiam denove la aliaj pasis. Kaj kiam oni laste ekstartos

Ĉar li estis tiu, kiu diris tion, kaj ĉar Håkon kaj Harald subtenis lin, la aliaj cedis. La konkurantoj sur 400 metroj trovis la lokojn, kaj ekkuris. La rapideco ne estis granda. Ĉio dependis de la finaj metroj. Kaj kiel atendite, Harald venkis.

Kiam li pasis la cel-linion, Jumbo alvenis en plena kuro. Arne iom ĉagrene demandis, kial li ne povis veni ĝustatempe, kaj kiam li ne ricevis klaran respondon, li kolereme diris, ke nun urĝas, oni komencos preskaŭ tuj.

La vizaĝo de Odd rigidiĝis, kiam li vidis lian prizoniton. Li rapide sekvis lin al la garderobo kaj pete kaptis lian brakon.

"Bonvolu ne rakonti pri ĉi tio al la aliaj!"

Jumbo hezitis. "Nu," li diris malbonvole. "Sed lasu min de nun"

Nur kvar konkursis en la centmetro. Arne estis favorito. Reidar ne tro bone kuris. Li pli lertis en saltoj, sed nur deziris gajni la pokalon de la gimnastikinstruisto pro plej bona en ĉiuj branĉoj. Kaj ĉar preskaŭ neniu kalkulis je Jumbo, oni kalkulis je Odd.

Håkon kaj Harald inspiris la amikon, sed preskaŭ perdis la fidon post lia kura kaj spireganta alveno al la konkursejo.

Ili havis malfacilojn trovi liberan kurejon. Je tiu tempo multaj sportistoj alvenis, kaj ili ne ŝatis foriri pro "la ludo de kelkaj etuloj". Fine tamen Håkon, Arne kaj Harald persvadis ilin. La tri kompreneble fariĝis gvidantoj de la knaboj. Kaj tio estis tute unika kiam rilatas al Harald, ĉar li estis el dua klaso, kiun kutimis la triaklasanoj ĉiam malsuprenigi.

Arne havis tre bonan starton. Kiel fulmo li sin ĵetis antaŭen, kaj tuj estis antaŭ la aliaj. Kiel lastfoje, kiam li vetkuris kun Odd, Jumbo estis nesukcesa en la komenco, sed pro la furiozo pro la konduto de Odd, li estis pelita antaŭen. Reidar estis lasta.

Pluraj knaboj miris pro la kuro de Jumbo. Ili neniam imagis, ke li povis taŭgi, sed nun ili sekvis la kuron kun intereso.

Nur nun Jumbo sentis, kiom laca li estas. Kaj dum momenteto li perdis la memfidon, sed tuj li premis la dentojn kaj kuregis kvazaŭ pro la vivo. Tiam la alia cedis, kaj Jumbo fariĝis la dua.

Li sin turnis al Odd. "Vi ja memvole malplirapidis."

"Stultaĵo. Krome la vetkuro estis nejusta. Vi jam estis laca."

Odd rapidis for. Jumbo fiksrigardis laŭ li. Tiam iu frapis lin sur la ŝultro.

"Bonege!" diris Harald. "Ni partoprenos, ĉiuj tri."

## KIU VENKOS?

La lernejo donis liberaj la du lastajn horojn dum la konkursotago, kaj la lernantoj tuj rapidis al Bislet. La vetero estis brila kaj ili rapidis tra la stratoj kun ekstrema gajeco.

Tri estis iom pli trankvilaj, Harald, Håkon kaj Jumbo. Babilantaj ili iris kaj atestis pri vera kamaradeco. Estis super ili esprimo de sekureco, feliĝo kaj bonhumoro. Du travivis tempon kun sensacioj kaj malloma danĝeroj, kaj ilia ĝojo ĉar tio finiĝis, kuntiris la trian. Harald scias nenion pri la aventuroj de la aliaj, sed sentis ion novan ĉe ili, kaj kvazaŭe komprenis ilin pli bone. Kaj tial lia rideto estis pli ol ordinare larĝa kaj luma.

Håkon neniam antaŭe fartis tiel bone. Post la konfeso ŝajne ĉio kaj ĉiu havis bonajn intencojn. Li ne bezonis timi. La ponarda afero mordis la konsciencon, sed ĝin li ne volis tuŝi, por ne malutili al Jumbo. Kaj iu danĝero, ke la polico esploros ĝin, ne estas. La unuan fojon dum sia vivo, li estis lerninta veran amikecon. Kaj la promeso de la direktoro pri laboro kaj la deziro fari komplezon al li, igis lin fervori dum lernejaj laboroj. Kvankam estas tro frue

al la centmetro, la konkurantoj gvidis per kvar poentoj. Ilia kuraĝo malgrandiĝis, jes, kelkaj jam perdis ĉiun esperon.
Håkon kaj Harald parolis kun Jumbo. "Vi komprenas, kion tio signifas? Kvin poentoj al unua loko, tri al dua, *du al tria* kaj *unu poento* al kvara loko. Tio estas, ni devas havi duoblan venkon por venki, kaj unuan kaj trian lokon por havi egalan poentosumon."
Aliaj parolis pri la sama, kaj Jumbo klarigis tion laŭ sia propra maniero. Ili fidis al Arne Monsen, sed ne al li. Fakte lia pozicio estos decidiga al la tuta interlerneja konkurso, kaj se li ne sukcesos oni donos al li la tutan ŝuldon. Denove li nervoziĝis, kaj la malnova fantomo revenis: "Vi nur malvenkos, Erik. Forkuru dum vi ankoraŭ povas. Ne faru stultulon el vi mem! Ne ridigu! Trovu senkulpigon! Diru, ke vi malsaniĝis!"
*Kelkaj grumbluloj* ankaŭ tuj estis pretaj: "Jen vi vidas! Nun ĉio dependas de tiu sentaŭga Jumbo. Ho, partoprenigi tian idioton. Decus al li resti hejme ĉe panjo anstataŭ ol en sportejo."
La knabo ankaŭ aŭdis tion, kaj fariĝis malpli varma kaj pli kalma en la sama momento. Li ne nur batalas kontraŭ la alia lernejo. Ne, eĉ pli li devos venki la kalumniantojn de la propra lernejo. Kaj nun li vere provos!
*Ho, kiaj sekundoj en la startejo.* Kvar sveltaj, kurbiĝintaj knaboj estis pretaj. Rigardantaj okuloj ĉirkaŭe, ordinare la kamaradoj, sed nun... publiko. Kvar nervofaskoj vibris en proksima kontakto kun la startanto. "Pretu!" Unu genuo preskaŭ tuŝas la teron. "Jen!" La genuo sin levas, la korpo streĉiĝas. Nu - nu - nu...
Trofrua starto. Nova provo. Novaj dolorigaj sekundoj. Nova trofrua starto.
*La trian fojon ili sukcesis.* La knaboj estis apud la aliaj dum la unuaj metroj. Tiam unu penas al la unua loko. Arne Monsen - kompreneble. Sed same komprenèble Jumbo estis malantaŭe.
Jam grumblaj voĉoj inter la publiko. "Jen vidu, jam venkita!"
Kaj la knabo mem sentas la samon. Li ĉiam restos jumbo - jumbo. Li neniam sukcesos.
Sed li ne lasas sin subigi. Li sin premas antaŭen. Ĝemo de surprizo *aŭdiĝas de la publiko. Li pasas la trian.* Sed ĉu li povos daŭrigi per sama rapideco. Jes, li kuras for de li. Li atingas al la dua!
"Hej, Jumbo! Hej, Jumbo!"
La voĉoj igas lin eĉ pli kuri. Metron aŭ du antaŭ li kuras Arne. Kaj tiel ili atingas al la cellinio.
Jumbo iĝis dua, sed laŭ la voĉoj oni povus kredi lin venkinto. Arne fariĝis fona figuro, kvankam lia kuro havigis al li la pokalon al la *plej bona partoprenanto de ĉiuj branĉoj.* Sed estis Jumbo kiu estis la sensacio de la tago, kaj lia sukceso havigis al la lernejo la venkon. Oni portis lin sur la brakoj, hurais kaj frapis lin dorse.
Subite li aŭdis, ke oni ankoraŭ nomis lin Jumbo. Sed nun ne estis plu malestimo, sed honoro en ilia uzo de la nomo.
Fine Håkon kaj Harald povis paroli kun li. Ili ambaŭ same ĝojis.
"Ĉu vi pensas, ke vi partoprenis?" ridete diris Harald.
"*Ne, certe. Pli amuzan mi neniam spertis.*"
"Do daŭrigi laŭ tiu direkto, juna amiko," diris Håkon. "Car nun vi scias, kien."

# Skolta kanto



Sonas, sub la stel-standardo
unu-lingve la komand';
usas ĝin la avangardo
jam en preskaŭ ĉiu land'.
    Vigle, en la tuta mondo,
    gvide de la verda stel',
  :/agu nia *frata rondo*
    por la nobla, paca cel'!

3. Ĉe l'tendaro *fajro flamas*;
falas ĉiu lingvo-bar'.
Per mond-lingvo ni proklamas:
"Unuiĝu la homar'!"
    Vigle,....

2. Sin komprenos reciproke
la tutmonda skolta gent';
kaj vekiĝos, ĉiu-loke,
homrespekta nova sent'.
    Vigle, ....

Verkis: J. Stefanĉic. Presita en "Kantante antaŭen!"

Cel-serve novverkis: Bernhard Thaillet. Publikota en aperonta kantaro "Agordu la gitaron."

# Nin oni invitas



al labortendaroj por tiuj kiuj (iom) parolas Esperanton.

Ili estas:

Ĉe Balaton-lago, Hungarujo 30.VI-13.VII. Informas Hungara Esperanto Junularo, Kenyermező u. 6, Budapeŝt VIII, Hungarujo.

En Bulgarujo dum julio. Bulgara Esperanto Junularo informas, adreso ĉe Bojidar Ieonov, Car Asen 7, Karlovo, Bulgarujo.

En Lanĉov, Ĉeĥoslovakujo 13-26.VII kaj 27.VII-7.VIII. Informoj ĉe inĝ. Zdenek Polak, Okr. Litomerice, Ploskovice, Ĉsr.

En Lezignan-Corbieres (Aude), Sudfrancujo dum septembro, kiam la vinberoj maturiĝis. Maison des Jeunes et de la Culture, 11-Lezignan-Corbieres, Francujo.

Inter Romo kaj Napoli, Italujo, 10-27.VII. Inform.: Mauro La Torre, Via U. de *Carolis 119/7, 00136 Roma*



Je kelkaj kampoj oni pagas modestan kotizon, plej ofte oni ricevas ian salajron. La labortempo estas limigata, kaj la *libertempon* oni riĉigos per diskutoj, kursoj ktp.



Loĝado: sub tendoj, primitivaj vivkondiĉoj



*Lupidoj !*

*Lupidestroj !*

*Atentu !*

Alinaciajn lupidestrojn mi petas, bonvolu sendi al mi almenaŭ unu bildon el lupida vivo/tendaro aŭ el la kluba vivo. Mi volonte helpus al niaj lupidestroj verki belan libreton por ĉeĥoslovakaj lupidoj. Sendu al nia ĉeĥa amiko: St. Ŝeŝinger, M. Cibulkove 34, Praha 4 Pankrac, ĈSSR.

# SKOLTESTROJ

La lastan ĴAMBOREON en Idaho, Usono, partoprenis skoltoj el cent nacioj. Tio estas ja Babilono aŭ konfuziĝo de la lingvoj??!! En la tuta mondo oni jam kalkulas dekkvar milionoj da geskoltoj.
Despli estas la neceso de la komuna lingvo, interkomprenilo.
Ĉu oni jam komencis solvi la demandon, problemon, je la mondkonferencoj?
Ĉu ne estus pli taŭga uzi internacian lingvon ESPERANTO ?
80 jara sperto de la esperantistaro kaj 50 jara sperto de skoltesperantismo estas ja tre simpla modelo/fakto/, decidi sin kaj sekvi la ekzemplon de la skoltoj mem. De la p r a k t i k u l o j ! La skoltoj mem jam ekkomprenis ke sen iu bona kaj simpla interkomprenilo restos la ĵamboreoj nur BABILONO!!
Aŭ ĉu estas pli bona metodo uzi la manojn, mansignojn, kiel ilin devas uzi la surdmutaj homoj aŭ la blinduloj? La blinduloj ja havas jam internacian skribon, la brajla skribo, kaj eĉ presas per ĝi la internacian gazeton AŬRORO.
Ĉu la geskoltoj - precize dirite, iliaj estroj, volas resti la lastaj, kiuj eluzos la internacian lingvon ESPERANTO?
Ekzemplon ili jam havas, kaj tre bonan, la 6an ĵamboreon en Essex, Anglujo, s e k v u d o l a e k z e m p l o n !

Akela - Praha.

Ni en Ĉeĥoslovakujo sukcesis aperigi kurson de Esperanto en nia skoltgazeto *Skaut Junak*, dank' al la ekkompreno de la skoltaj funkciuloj - sekvu nian ekzemplon, karaj geskoltoj!

Rimarko: Provu traduki nacilingven por via skoltgazeto.

## *Tri formikoj* („Heroldo")

Tri formikoj diligentas
frumatene en ĝarden'.
Kovras herbon, folietojn,
kvazaŭ perla roseden'.

Unu serĉas, dua portas
pajleretojn. Tria frat'
trenas pecon de laktuko
al tagmanĝo, por salat'.

Malsekiĝis piedetoj.
Tusas, ternas ĉiuj tri.
Donas panjo termometron,
lasta montras...tridek tri.

Vi ne havas kapojn, vere.
Tuj en liton! Sciu ke,
nun vi trinkos fiŝoleon,
malgraŭ viaj kri' kaj ve'.

**Ludmila Jevsejeva**



Lupido kaj du birdetoj transdonas 48000 n.kr. al UNICEF.

# FO·KI·MA



estas hungara organizaĵo kiu petas kaj proponas helpon. Fo-ki-ma, hobia kaj korresponda klubo, jam funkcias en 118 landoj. Gvidanto estas " Onklo Arpi ", Arpad G. Pölöskey Adreso: Budapeŝt P.O.119 Poŝtfako 16, Hungarujo.

La klubo havas 60 ge-infanojn (10 – 18 jaraj) kaj 10 junajn geinstruistojn.

Ni invitas ĉiujn junajn sonbendamatorojn, ke ili konvolu fari seriozan kulturan kontakton, kaj ni deziras interŝanĝi diskojn el la "Angla Ŝlagro-listo". Reciproke ni povos liveri sonbendon kun originalaj esperanto-ŝlagroj. Ni ĉiam uzas la plej altajn kvalitajn sonbendojn por la interŝanĝo.
La bildo montras fraŭlinon Eva Mohos en la MAGNETOFONO STUDIO, adreso Laszlo B. Toth, Budapeŝt IX, Vaskapu utca 1/B

Deziras korespondi:
Eva Jubasz, 18 j. studentino, papilio – skarabo – insekto kolektanto Budapeŝt IV, Ujpest Kinizsi utca 32.

Veronika Förhecz, 26 j, sinjorino, instruistino. Budapeŝt XI. Kelenföld Szakasits Arpad ut 34/a II. j

Laszlo Pölöskey, 29 j. konstruisto de infanludiloj. Adreso sama strato nr 44/B, etaĝo 6, loĝejo 47. Kolektas hobiogazetojn kaj infanludilojn.

Junulara Amiko-rondo de Budapeŝta Zoo, dr. Bethen Penzes, Budapeŝt XIV Varosliget, Zoologia ĝardeno.

# EN ŜIPO DE VIVO



Ofte oni diras pri la vivo, ke ni estas en boato. Ni estas en la sama boato, ni diras, por substreki la komunan sorton. Kaj la reciprokan respondecon.
Same ni diras, ke la tuta vivo estas iu velado.
Dum ni estas en boato, ni devas atenti, ke ni ne kaŭzas aŭ riskas vivoperdon. Tute same en la viv-velado. Tial ni devas atenti al la reguloj donitaj, al signoj pri danĝero, al kompaso, al direkto. Ni devas scii nian celon, kaj laŭcele iri al ĝi.
La reguloj por la vivvelado, ĝia kompaso kaj la signoj ĉiuj estas en la religio. Kiel skolto vi faru vian devon al Dio, – kaj sciu, tio tre ofte estas fari bonon al kunhomo. La kristana etiko esprimiĝas en la vorto: Kion vi deziras ĉe aliaj, tion vi faru al ili.
Skolto, ne forgesu la ĉiutagan bonagon!